WIKIPEDIA

# Arakia lingvo

La **arakia lingvo** (propra nomo *Raki* [ɾaki]) estas lingvo parolata en Vanuatuo, pli precize en la insulo Araki. Ĝi estas en danĝero pro sia malgranda parolantaro.

| **Arakia lingvo** | |
|---|---|
| ***Raki*** | |
| **Parolata en** | Vanuatuo |
| **Regiono** | Araki |
| **Parolantoj** | 8 |
| **Skribo** | Latina |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Aŭstronezia | |
| Malajo-polinezia | |
| Oceania | |
| Centra kaj orienta | |
| Centra kaj norda vanuatua | |
| **Arakia** | |
| **Lingva statuso** | 5 krize endanĝerigita |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-3** | akr |
| **Glottolog** | arak1252 |
| **Angla nomo** | Araki |
| **Franca nomo** | araki |

## Enhavo


**Parolantaro**

**Skribo**

**Elparolo**
- Konsonantoj
- Vokaloj

**Notoj kaj referencoj**

**Bibliografio**

**Vidu ankaŭ**


## Parolantaro

La arakia lingvo estas en danĝero: ĝi ne plu estas parolata publike kaj nur kelkaj familioj plu uzas ĝin. La nombro da parolantoj rapide malkreskas: oni taksis 15 en 1999[1], kaj en 2010 nur 8 homoj scipovis paroli ĝin flue[2], kaj eble dudeko da homoj havas pasivan konon. La arakian iom post iom anstataŭas la tangoa lingvo de la najbara insulo Tangoa[3].

## Skribo

La arakia ne havas tradician skribsistemon, sed lingvistoj kreis alfabeton surbaze de la latina alfabeto kun supersignoj[4].

Arakia alfabeto

| **Litero** | a | e | h | i | j | k | l | m | m̈ | n | ng | o | p | p̈ | r | r̄ | s | t | u | v | v̈ |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **Elparolo** | /a/ | /e/ | /h/ | /i/ | /t͡ʃ/ | /k/ | /l/ | /m/ | /n̼/ | /n/ | /ŋ/ | /o/ | /p/ | /t̼/ | /ɾ/ | /r/ | /s/ | /t/ | /u/ | /β/ | /ð̼/ |

Pli frua ortografio uzis ‹c› por /t͡ʃ/, ‹d› por /ɾ/, ‹r› por /r/ kaj ‹g› por /ŋ/[5].

## Elparolo

### Konsonantoj

La arakia lingvo estas unu el la tre malmultaj lingvoj en la mondo, kiuj havas lang-lipajn konsonantojn[6].

Arakiaj konsonantoj[4]

| | Dulipaj | Lang-lipaj | Alveolaj | Velaj | Glota |
|---|---|---|---|---|---|
| **Senvoĉaj ŝtopaj** | p | t̼ | t | k | |
| **Senvoĉaj ekfrotaj** | | | t͡ʃ | | |
| **Senvoĉaj frotaj** | | | s | | h |
| **Voĉaj frotaj** | β | ð̼ | | | |
| **Nazaj** | m | n̼ | n | ŋ | |
| **Flanka** | | | l | | |
| **Frapeto** | | | ɾ | | |
| **Trilo** | | | r | | |

Nur vere fluaj parolantoj daŭre distingas /r/ kaj /ɾ/ kaj la lang-lipajn konsonantojn[3].

La fonemo /t͡ʃ/ povas esti elparolata [t͡s] aŭ [t͡ɕ] antaŭ /i/ kaj [t͡ʃ] aŭ [t͡ɕ] antaŭ /a/ kaj /e/[7].

### Vokaloj

La arakia lingvo konservis la kvin praoceaniajn vokalojn.

Arakiaj vokaloj

| | Antaŭaj | Centra | Malantaŭaj |
|---|---|---|---|
| **Malvastaj** | i | | u |
| **Mezvastaj** | e | | o |
| **Vasta** | | a | |

La arakia ne havas diftongojn; du sinsekvaj vokaloj kutime apartenas al du malsamaj silaboj[8].

## Notoj kaj referencoj


1. ↑ Corpus araki (http://lacito.vjf.cnrs.fr/archivage/languages/Araki.htm#araki) (france). LACITO-CNRS. Alirita 2014-04-24.
2. ↑ Alexandre François. Terrains et langues (http://alex.francois.free.fr/AF-terrain.htm) (france). Alirita 2014-04-24.
3. ↑ 3,0 3,1 François 2002, paĝoj 5–8
4. ↑ 4,0 4,1 Alexandre François. An online lexicon of Araki (http://alex.francois.free.fr/AF-Araki-pub.htm#a) (angle). Alirita 2014-04-25.
5. ↑ François 2002, p. 20
6. ↑ Alexandre François. L'araki (http://www.sorosoro.org/laraki) (france). Sorosoro. Alirita 2014-04-24.
7. ↑ François 2002, paĝoj 14–18
8. ↑ François 2002, p. 19


## Bibliografio

